


Año IV (N.º 44-45)

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núms. 8-9
AGOSTO
SEPTIEMBRE
1952
RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

Dekstre: D-ro Llorens legante sian diskurson.
Maldekstre: D-ro Herrero salutas je nomo de la Valencia esperantistaro.

En la prezidejo; de maldekstre: S-roj Llorens, Vizcaino, pastro Casanova kaj Soler, respektinda veterano, kiu stare parolas

# JEN KIO ESTIS LA 13ᴬ HISPANA KONGRESO!



# EN LA REGNO DE LA POEZIO

*La multenombra kaj altvalora partopreno en la Literatura Konkurso, okaze de nia Kongreso, atestas pri la artismaj kapabloj de multaj samideanoj, kiu talente uzante la mirindajn eblojn de Esperanto aldonas novajn gemojn al la ideala krono de la universala poezio.*

*Ĉi-sube, en honora loko, aperas la premiita poeziaĵo, originala de S-ro Luigi Minnaja la delikata poeto el Romo, kiun plej ĝoje kaj sincere ni gratulas.*



TROFEO DE LA KONKURO

Ŝildo el tajlita ligno kun bela arĝenta tabuleto, kie oni gravuris la nomon de la aŭtoro.

Estis du ekzempleroj, unu por la poezio kaj alia por la prozo.

## MIA PREĜO

Dia Infano, mia beltrezoro,
Dum vintra nokto stela kaj malvarma
Ame Vi venis de l' ĉiela gloro
Al ĉi tiu mizera valo larma,
Por anonci al homoj de bonvolo
La plej dolĉan mesaĝon de konsolo.
Sinjoro, ĝemas mia kor' dolore,
Al Vi leviĝas mia preĝ' fervore!

Ĉe l' mondo regas nur malam', perforto;
Fariĝis homo por la hom' kruela,
Timige premas danĝerplena sorto
Sur la popolo laca, senribela;
El lupoj ŝajne iĝis la homaro,
Pro lang' venena, sangavida faro.
Sinjoro, ĝemas mia kor' dolore,
Al Vi leviĝas mia preĝ' fervore!

Ĉesigu la malfidon ĉe l' popoloj,
Estigu la konkordon inter homoj:
Paco kaj amo estu la simboloj
De ĉiuj landoj kaj de ĉiuj domoj.
Vivu la mondo sankte kaj sen peno
Sub la granda konsol' de Via beno!
Sinjoro, ĝemas mia kor' dolore,
Al Vi leviĝas mia preĝ' fervore!

Luigi **MINNAJA**

---

**La 13ª Hispana Kongreso de Esperanto en Valencio estis modele organizata, kvazaŭ granda Universala Kongreso. La hispana popolo estas vere afabla kaj servema, kio multe agrabligas la restadon al la vizitantoj el aliaj landoj. - E. E. YELLAND** - la konata veterano el Aspremont (Francio)

---

# DESPUÉS DEL CONGRESO

**Aunque son muchos los temas que pugnan por ocupar estas líneas, campea por derecho propio el de nuestro reciente Congreso en Valencia, cuyo recuerdo no podrá ya nunca desaparecer de la memoria de aquellos que tuvieron la suerte de vivirlo.**

**Si el Congreso de Tarrasa, el año pasado, impresionó fuertemente a los esperantistas españoles, este de Valencia ha logrado abrir profunda brecha en la indiferencia del gran público, hermético hasta entonces para el significado cultural del esperantismo. Penosa fué la labor preparatoria, y meticulosa la ordenación de los puntos programáticos, con objeto de que los congresistas encontrasen facilidades, tanto para la estancia como para las tareas específicas de su asamblea. Pero, seamos justos; gran parte del éxito no fué debida a nuestros esfuerzos, sino que vino a nosotros espontáneamente, porque desde fuera se nos concedió -¡por fin!- algo de la importancia que el Esperanto merece en el movimiento cultural español.**

**La Prensa y la Radio, atentas a la alta significación educativa de nuestras aspiraciones, reflejaron con amplitud y ecuanimidad la fuerza moral que representamos. De hoy en adelante, aunque algún despistado escribidor menosprecie o se burle de nuestras aspiraciones, no podrá borrar la grata impresión de sereno y meditado juicio que la Prensa española nos ha causado y que, desde estas mismas columnas, tan modestas y tan nuestras, agradecemos sincera y cumplidamente.**

**Puestos a dar a cada cual su justo merecido, vaya nuestro más ferviente saludo a la masa esperantista española, tan numerosa y ordenada, entusiasta y laboriosa, que supo dar al Congreso ese sello de consciente laboriosidad, que perdurará en el archivo de las emociones y en la realidad de los hechos. Y culpable sería el enunciado, si olvidásemos la importante contribución de la representación extranjera, tan cumplida y fraterna. Ella fué como el campo de experimentación de nuestras aseveraciones de que el Esperanto es un idioma auxiliar perfecto, y que si el problema lingüístico subsiste, es porque no se quiere ver lo que ciega por exceso de luz.**

**El Congreso ha sido un éxito inmediato: Por su importancia numérica, por el entusiasmo de los asistentes, por la concreta labor realizada y por la evidente impresión de seriedad producida en los profanos. Ahora bien, en nosotros está que ese éxito no se diluya y pierda. Con obstinado ahinco debemos cumplir las decisiones acordadas: Pedir la colaboración de los poderes públicos. Organizar actos de propaganda y difusión, siempre que haya posibilidad para ello. Evitar el aislamiento, formando grupos locales, para multiplicar la eficacia de nuestros esfuerzos, que deben centrarse, principalmente, en la preparación de cursos que han de reforzar nuestras filas con la aportación de nuevos elementos; y para esto hay que editar diccionarios y libros de enseñanza, como los que están en preparación, mediante la ayuda económica de todos y cada uno de nosotros, según posibilidades.**

**De la constante y acertada observancia de estas elementales directrices depende la satisfactoria evolución de nuestros postulados. Y así, el año próximo, al entregar a los entusiastas samideanos de Bilbao la antorcha congresal, experimentaremos no sólo grandes satisfacciones en la cordialidad de nuestro ambiente, sino también grandes progresos, en la marcha ascendente del esperantismo español.**

## LAS CONCLUSIONES DE NUESTRA ASAMBLEA

El XIII Congreso Español de Esperanto, reunido en Valencia durante los días 26 al 29 de Julio de 1952, acordó en su reunión final las siguientes conclusiones:

Dirigirse en solicitud a la Real Academia de la Lengua Española para que modifique la definición de la dicción ESPERANTO en el sentido de que éste es un idioma auxiliar internacional para facilitar la mutua comprensión, entre personas de distinta habla, y no una lengua universal que pretenda la desaparición o anulación de las existentes.

Nombrar una ponencia que se encargue de redactar un informe, con destino al ministerio de Educación Nacional, sobre las ventajas morales y prácticas que, desde un punto de vista pedagógico, reportaría la introducción y el estudio del Esperanto en la Enseñanza media.

Considerar que los principales alumnos de los esperantistas han de ser sus propios hijos, para educarles, por medio de este idioma, en el amor y la estimación a los niños de los demás países, fomentando entre ellos amistosas relaciones por correspondencia.

Felicitar y agradecer a las autoridades españolas las reformas introducidas, durante el último año, en la legislación sobre divisas y pasaportes, dando con ello mayores facilidades para el turismo popular, ya que el turismo, por encima de un fin económico, cumple un fin espiritual, permitiendo conocer usos y costumbres de distintas naciones.



**SURVOJE AL VENKO DE NIA IDEALO, ESTIS GRAVA EVENTO LA**

# 13ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**En rekordo de fervoro, la hispana esperantismo konfirmis sian forton en Valencio, kie alte rangis la internacia konsisto de nia nacia Kongreso, kun 302 partoprenantoj el 338 aliĝintoj (inter ili 43 eksterlandanoj). Sur brilanta fono de la urba somera festivalo, la ekzemplo de nia laboro estis vera komplemento. La venontjara rendevuo okazos en Bilbao, perlo de la nordo**

Oni aŭdas diri, ke la grandaj urboj ne konvenas por naciaj kongresoj; ĉar, apenaŭ rimarkeblaj, tra la vigla svarmo kaj densa fluo de moderna trafiko, ili dissolviĝas kvazaŭ briketo el sukero en glaso da akvo. Tamen, ĉi tie mem, en Valencio, la granda urbo, kie zumas la motoroj de nia Federacio, jam ĵus okazis plej kontentige la 13ª Hispana Kongreso! Tute akurate, laŭ sinsekva disvolviĝo de ĉiuj punktoj de sia programo, ĝi altiris la publikan atenton, gajnis la ĝeneralan simpation kaj atingis la celon pruvi la vivantecon de Esperanto, en diligenta parado de fervoro kaj laboro, kun disciplino kaj ordo —malgraŭ fortaj skuoj de entuziasmo!— sen forgeso, cetere, al la sanaj kvalitoj de bona humoro kaj bona apetito... Sed la brila kaj granda sukceso, kiun fakte atingis la nunjara renkontiĝo en urbo kun pli ol kvincent miloj da loĝantoj, estis brila kaj granda, precipe pro la resono tre laŭta, kiun ĝi havis, unue, tra la tuta urbo kaj, poste, tra la tuta lando. Jes, nia Kongreso fariĝis grava nacia okazaĵo, pri kio ne eblis silento, sed konvenis informoj, raportoj, kronikoj... Tiel vasta kaj favora reklamado neniam antaŭe okazis; kaj —ankoraŭ pli mirinde!— *tio okazis tute sen nia interveno!...* Nu, dank' al la simpla rendevuo de tricent gesamideanoj, uzantaj en siaj oficialaj debatoj aŭ en siaj amikaj babiloj nur la internacian lingvon, milionoj da hispanoj klare scias nun la nomon kaj la celon de tiu eksterordinara lingvo, se ne jam vekiĝis ĉe multaj la deziro lerni ĝin, por koni ĝian strukturon aŭ profiti ĝiajn avantaĝojn. Jen do nia ĝojo, jen do nia fiero povi prave bombasti, ke la sukceso de nia 13ª Kongreso estis brila kaj granda ne ja nur pro tio, ke ĉiuj internaj aranĝoj perfekte funkciis aŭ ke, spite varmon kaj ŝviton, la kompakta amaso da gekongresanoj neniel disiĝis, sed pro la fakto evidenta, ke ni ĵus gajnis valorajn poziciojn en la koro kaj en la cerbo de multaj personoj, kiuj estis ĝis nun indiferentaj aŭ skeptikaj al nia strebado. Cetere, al la socia brilo de la publikaj solenaĵoj, oni devas aldoni la blindigan brilon de la suno, kiu, je honoro de la landaj kaj eksterlandaj vizitantoj, heligis la naturon per la variaj koloroj de la lumo: brilis la ĉielo kun pura lazuro, brilis la tero per la smeraldo de najbaraj rizkampoj kaj brilis majeste la maro, laŭ takto de petolemaj ondoj kun krevantaj krestoj el arĝenta ŝaŭmaĵo. La eksterlandaj geamikoj treege ĝojis pro tiu fantazia danco de koloroj en briloj kaj rebriloj, kies kontrastojn ili tuj perceptis kaj frandis. La pasio kaj flamiĝemo de la hispana temperamento kaptis ilin; tio estis facile videbla en la gaja esprimo de iliaj vizaĝoj; kaj tio, certe, liveris al la organizantoj ne malpli da kontento ol la brila kaj granda —ho, pardonu pro ripeto de ĉi tiu adjektivado!— sukceso de la tuta entrepreno. La verda stelo de nia bela afiŝo garnis la montrofenestrojn de magazenoj kaj butikoj; la lokaj radiostacioj elsendis ĉiutage detalajn raportojn, kiuj ankaŭ ĉiutage aperis en ĉiuj ĵurnaloj. Laŭ ĝentila ordono de la urbestro, ĉiu



portanto de la kongresinsigno estis afable informata pri ĉiu bezonata servo, fare de la urbaj policanoj. La tendaro funkciis, kiel tre perfekta instalaĵo, en bela ĝardeno de la Ruĝa Kruco, tute apud la urbo. Oni babilis, oni diskutis, oni elektis planojn kaj faris decidojn. En ĉio regis harmonio kaj konkordo, kun ia speciala trajto por pluraj blindaj samideanoj, kiuj, sub prezido de elstara samideano S-ro Ezquerra, estro de la tutlanda blindula organizo, venis por aktive partopreni en la debatoj. Neforgeseblaj estos en la memoro tiuj kvar tagoj, feliĉe pasigitaj en familia kunvivado; pro tio iomete amara estis la fino, ĉar ne vane oni diras, ke post alkutimiĝo doloras disiĝo... kiel mi mem diris en la adiaŭa saluto. Tamen, reprezentantoj ni estas de la eterna espero, sub kies signo jam oni vokas nin ĉiujn, por venonta jaro, en Bilbao, la norda urbo, kiu, krom fama industria centro, kun tre arogaj altfornoj, ankaŭ estas perlo en riĉa konko, apud la bordoj de la brava Kantabriko.

◆ ■ ◆

Jam unu semajnon antaŭ la dato, ĉiuhore dum la tuta tago, la oficejo de la Organiza Komitato svarmis kiel abelujo. Diligenta aro da kompetentaj gejunuloj vibrigis la klavojn de la skribmaŝinoj, zorgis pri oftaj vokoj de la telefono aŭ ordigis notojn kaj skribaĵojn precipe tiujn, kiuj rilatis al la grava afero trovi taŭgan loĝejon, konvena al la gusto kaj poŝo de ĉiu eksterurba kongresano. Rigardante tiujn junajn samideanojn tiel serioze labori, oni ne povis ne anticipi bonajn rezultatojn. Certe, eĉ por festo kaj amuzo oni bezonas apliki trafajn metodojn de taŭga organizo.

Iom post iom kreskis la taskoj, ĉar la *klientaro* iĝis pli multenombra, kun ĉeesto jam de pluraj foranoj frue venintaj, inter ili la unua eksterlandano, S-ro René Zollinger, oficiala delegito de Svisa Esperanto-Societo, kiu, akorde kun la nuntempa stilo, veturis per aviadilo. En la tago de Sankta Jakobo, patrono de Hispanio, (25 de Julio) ĉiu vagonaro veninta en la urbon portis la ŝatatan ŝarĝon de konataj kaj nekonataj gesamideanoj, kiuj el plej diversaj provincoj aŭ regionoj, kune kun tiuj aliaj el eksterlandaj urboj, venis al la nacia rendevuo de la hispana esperantismo. En la unua momento, post la naturaj salutaj ĝojkrioj, kun abundaj manpremoj kaj ĉirkaŭpremoj, plej urĝa afero --kaj, foje, plej tikla! — estas la koncerna enloĝado en ĉambro de hotelo aŭ pensiono. Dank' al lertaj preparoj, ĉi tiu grava flanko solviĝis tre kontentige, se oni konsideras, ke pro la somera Foiro la urbo ricevas, en tiu epoko, multajn milojn da kromaj enloĝantoj. Sed, vespere jam ĉio estis preta.

En la granda salono de la komiza interhelpa societo »Montepío de la Dependencia Mercantil» sidejo de la Valencia Grupo, ekfunkciis jam en tiu vespero la Akceptejo. Kun refreŝigitaj korpoj, post duŝo kaj manĝo, alfluis tien la samaj personoj, kiuj antaŭ ne multe, kun lacigitaj mienoj kaj pezaj valizoj, paŝis sur la trotuaroj serĉante la adreson de sia loĝejo. Ili, tamen, ne aspektis la samaj; precipe, la virinoj --ho, la eterna virineco!— logis ĉarme per la fasono de novaj vestaĵoj, kiuj dum la vojaĝo kuŝis en la fundo de valizoj. Fakte, en tiu momento ekregis la programo, ĉar en apuda kontoro oni komencis jam distribui la grandajn kovertojn kun la tuta kongresmaterialo. Per facila surmeto de la insigno, laŭ ritmo de la dejorantaj distribuantoj, la ĉeestantoj transformiĝis en efektivaj kongresanoj. Viglaj rondetoj sidis ĉirkaŭ tabloj, garnitaj per bongustaj glaciaĵoj; tra la tuta salono ŝvebis la zumado de pli malpli laŭtaj konversacioj, kiuj, tra la malfermitaj fenestroj kaj balkonoj, flugis eksteren milde fendante la silenton de la strato, kvazaŭ la esenco de Esperantujo bezonus pli da loko, pli da spaco... Sed horloĝoj avertas, ke estas malfrua horo en la nokto; decas, do, ripozo kaj dormo; ĉar, kvankam agrabla komenco, tamen nur komenco! Malrapide disiĝas la kunsido, oni foriras pogrupe --ankoraŭ babilante!-- laŭ ĉiuj direktoj, survoje al la jam konata adreso de sia loĝejo, pli sekure nun ol antaŭe, kiam la valizoj trudis sian pezon. La urbo envolvis karese per subtilaj parfumoj la gesamideanojn, kiuj, ĝue perceptante tiun delikatan ***bonan nokton!***, eniĝis en la litojn por tradormi, plenfide, sian unuan nokton en la ridetanta Valencio.



La lumo de radianta mateno estis bona aŭguro por la programo. En la Akceptejo, denove, laŭ kreskanta ritmo, konversacioj kaj babiloj regas senĝene, senbride... dum la tajdo de pliaj alfluoj ne haltas; venas kaj alvenas aliaj geamikoj, montriĝas novaj vizaĝoj, kiuj estas laŭte salutataj: jen S-ro Nunes, el Lisbono, gajninto de la ĉefa premio, por prozaj verkoj, en la Literatura Konkurso, kiu eniras kun sia edzino kaj pluraj portugalaj kolegoj; jen subita apero de la nelacigebla veterano S-ro E. Yelland, kiu, pro sia blanka patriarka barbo, estigas ĉe kelkaj la penson ĉu li estas mem la Legema Koboldeto; decideme li alpaŝas kun sia sprita edzino kaj la simpatia S-ino Gorbatoff, el franca Maroko. Ankaŭ ĉeestas la respektinda figuro de pastro J. Casanovas; jen F-ino Maria Jung, fratino de la brava dekano de la esperanta ĵurnalismo, la admirinda S-ro Teo Jung. Salutoj reciprokas salutojn; disaj aplaŭdoj tie kaj tie pruvas, ke la entuziasmo jam atingis superajn gradojn. La Interkona Kunveno estas la aŭtentika animo de ĉiu Kongreso, ĉar tie la lingvo vere vivas per si mem, tute sen baroj nek ĝenoj, meze de sia popolo. En la kontoro, la tasko distribui la materialon preskaŭ estas finita, ĉar la insigno pendas ĉe ĉiuj jakoj, ĉemizoj aŭ bluzoj. Tiam, por agordi la sentojn kaj refreŝigi la gorĝojn, la kelneroj komencis alporti la aperitivon, kiun ĉiuj plezure akceptis kaj trinkis, ĉar tio estis senpage farebla, kiel aparta donaco de la Organiza Komitato; la granda salono fariĝis malgranda, sed ne grave! pli aŭ malpli preme, halojn de la palaco. En la Arkivo, oni atente aŭskultas klarigojn pri la valoraj historiaj trofeoj kaj relikvoj de glora pasinteco, kiam tiel alte rangis la kulturo kaj politiko de la antikva Valencia regno: pergamenoj kaj libroj, kun kodoj kaj juro pri la civitanaj rajtoj, atestas pri tiama forto de intelekto kaj moralo (rimarkinde estas, ke en Valencio oni sankciis la unuajn leĝojn en Eŭropo pri maraj aferoj, kaj ankaŭ en Valencio oni presis kaj eldonis la unuan libron en Hispanio: temis pri kolekto da versoj, je honoro kaj laŭdo al la Dipatrino, verkitaj en valencia lingvo). En riĉa vitrino estas videbla la ***Senyera,*** respektindega standardo de la urbo. La lerta kaj arta aranĝo de la objektoj, same kiel la dekoracio kaj pentraĵoj sur la muroj, donas aspekton de muzeo al tiu instalaĵo, kiu estas fieraĵo de la valencianoj. Post detalaj klarigoj de kompetentuloj, la vizitantoj forlasis la arkivejon, ĉar oni invitis ĉiujn sidi en la luksa kaj belega amfiteatro, kunsidejo de la urbestraro. Vere okulfrapa estis la spektaklo de tiu plenplena solenejo, kun esperantista amaso silente sidanta, kiam aperis en la tribuno la urbestro, S-ro Baltasar Rull, por saluti persone la gekongresanojn. Oni povis tuj rimarki, ĉe liaj unuaj vortoj, ke ne sen emocio li parolis; certe, li konsciis pri la honesteco de nia intenco kaj alte taksis la signifon de nia Kongreso. Tial, ne per la seka formulo de oficialaj komplimentoj, sed per sincera voĉo de efektiva estimo, li sin turnis al ni, dezirante agrablan restadon kaj fruktodonan laboron al niaj valoraj klopodoj, ĉar

**Kiel grandstila manifestacio kaj radianta stelo en la firmamento de la Esperanto-Kongresoj, Valencio elmontris abunde la dinamikan laboremon kaj la rimarkindan afablecon de niaj hispanaj amikoj.**
RENÉ ZOLLINGER - Delegito de Svisa Esperanto-Societo.

multaj tostis stare eĉ en la bufedo. La mateno forpasis, finiĝis la tempo por la privataj preferoj. Ĉar jam tagmezo, estas horo por la kolektiva vizito, tuj farenda, al la Urbodomo kaj Municipa Arkivo; sekve, oni forlasas la Akceptejon, en densaj grupoj, oni iras surstrate ĝis la bela konstruaĵo, kie troviĝas la urbestrara sidejo.

Sub la gvido de superaj oficistoj, oni admiras la belajn salonojn kaj imponajn «...Valencio estas urbo kun malfermitaj pordoj al ĉiuj noblaj ideoj de konkordo kaj amo inter nacioj kaj popoloj, tiel multe similaj al tiuj mem, kiujn Esperanto celas kaj reprezentas». Ankaŭ sen teda formulismo, ektondris forte kaj longe la unua efektiva aplaŭdado de nia Kongreso, tie mem, en la oficiala plej luksa salonego de la urbo. Kiam denove silento, S-ro Herrero tradukis koncize la saluton de la urbestro,



por ke la eksterlandanoj povu ĝin kompreni. Post tio finiĝis la ceremonio. La stratoj pliviglîĝas unu fojon pli per la multaj grupetoj, kiuj iras ĉiudirekten, serĉante siajn gastejojn, por tagmanĝi kaj siesti ĝis oportuna horo, por ĝustatempe ĉeesti en la Solena Malfermo, kiu okazos, laŭ la programo, je la sesa posttagmeze.

Kaj akurate, je tiu horo, neniu mankis en la komforta domo de la Kolegio de Komercaj Agentoj, en kies centra balkono daŭre flirtadis granda verda flago, super oportuna anonco, por atentigi la preterpaŝantojn, ke tie okazas nia Kongreso; tapiŝoj ĉe la enirejo, borderitaj de vazoj kun floroj kaj plantoj, kondukas ĝis la ĉefa salono, bonege aranĝita kiel kongresejo. Eleganta estrado ebligas adekvatan situon por la prezidantaro kaj elstaraj samideanoj. Ĉe la fono, sur ampleksa tuko malhele verda, blankaj literoj laŭtigas la devizon: KOMPRENU PER ESPERANTO! Meze de la salono situas orkestro, kiu en la momento, kiam estraranoj kaj komitatanoj jam suriris la podion, apertas la solenaĵon per la altflugaj strofoj de «La Espero», kiun tre agorde ĉiuj kunkantas stare. Dum la daŭro de kvin minutoj, ĉies pensoj koncentriĝas en tiu nova sento, *speciale nia*, kiu venis en la mondon... Eĉ tiuj amikoj, pli aŭ malpli skeptikaj pri tiaj eksteraj flankoj de nia movado, sincere partoprenas en la patoso de l' momento. La nacia himno fermas digne la preludon de la festo nia; la Kongreso jam komenciĝis!

La prezidanto de la Organiza Komitato, S-ro Pérez Requena, kun videbla emocio, per koncizaj sed trafaj vortoj, inaŭguras la kunvenon kaj transdonas la prezidantecon al S-ro Daniel Llorens, elstara prezidanto de la Federacio. Post ĉi tiu protokola ceremonio, oni decidas sendi telegramon al la Ŝtatestro, aprobante ankaŭ sendi apartajn salutojn al la urbestroj de Tarrasa kaj Valencio. Ĉar jam plenumitaj la decaj postuloj de respekto kaj danko, venis la vico al la delegitoj de frataj eksterlandaj organizoj: S-ro A. Nunes, je nomo de la portugala familio, legas saluton en kiu abundas inspiritaj frazoj kaj emfazaj parolturnoj, ĉar ne malprave li gajnis la prozan premion en la Literatura Konkurso; lia saluto, cetere, enhavas ne nur la kutimajn komplimentojn, sed ankaŭ interesajn sugestojn por pli intima kunlaborado inter la du iberiaj landoj, kio povus ebligi la ŝancon difini unu jaron por komuna Iberia Esperanto-Kongreso; la ĉeestantaro, per fortaj aplaŭdoj, agnoskas la pravon de tiaj sugestoj. S-ro René Zollinger, delegito de Svisa Esperanto-Societo, ankaŭ legas sian saluton, kiu estas bela tre dokumentita peco de retoriko kaj saĝo, aŭskultata kun kreskanta atento. Sekvas poste la intervenoj de pliaj eksterlandaj gastoj: S-ro H. Levi (svedo) kun tre energia esprimo; S-ino D. Lencer (el Usono) kun milda voĉo, kiu estas kareso por la oreloj; S-ro M. Mongeois (franco) kun modesta simpatia sinteno; S-ino A. Gorbatoff (el franca Maroko) kun ĉarma hezitemo kaj delikata virineco; kaj, fine, S-ro E. Yelland, la konata kosmopolito, kiu, malgraŭ sia maljuneco, estas ekzemplo enviinda de sana menso en sana korpo. Vigle kaj verve li saltis en la podion por admoni la gejunulojn daŭrigi la taskojn, kiujn la plenkreskuloj nun vartas. S-ro I. Alvarez ankaŭ parolis, kiel loĝanto en Londono, je nomo de la anglaj samideanoj. Kompreneble, post ĉiu interveno, la aplaŭdoj sinsekvis, spontane esprimante per brua klakado de manoj la gajan animstaton, kiu, malgraŭ ŝvitiga vetero, heligis la vizaĝojn. La eksterlandanoj konstatis ja sen dubo, ke vere ili troviĝas en hispana kongreso, kie pasio kaj lumo ne estas vanaj metaforoj, ĉar ili mem ankaŭ *dronis* en la sama pasio, en la sama lumo... S-ro R. Herrero, la kara gvidanto de la urba movado, akcentis la ĝojon de la valencianoj, pro la plezuro povi bonvenigi tiom multe da fervoruloj; poste, en rolo de reĝisoro ade li prezentis, per ĝentila trajto kaj sprita maniero, la reprezentantojn de enlandaj grupoj. Unu post alia, montriĝis la plej diversaj facetoj de la hispana esperantista popolo. Rimarkindaj estis la salutoj de F-ino Casasnovas, el Zaragozo; S-ro Calahorra, el Bilbao; S-ro L. Herrero, el Madrido; S-ro Chaler, el Tarrasa, kie tiel pompe brilegis kaj plene sukcesis la pasintjara Kongreso



dank' al lia sindonema kaj lerta direktado. Nunjare li venis, ĉefronte de multenombra delegitaro, ne por pasive rigardi, sed por aktive kunhelpi. S-ro Ezquerra, la eminenta blinda samideano, per kortuŝaj vortoj kompletigas la paradon de buŝaj salutoj, ĉar restas ankoraŭ dika staplo da telegramoj kaj leteroj kun gratuloj kaj bondeziroj de tutmondaj asocioj kaj apartaj membroj, kiuj ŝatis almenaŭ spirite akompani la feliĉajn partoprenantojn; S-ro R. Vizcaíno, vive diligenta sekretario de la Organiza Komitato, *laŭte legas nomojn kaj titolojn*, krom plej interesajn paragrafojn. Kiam ĉesas la vibroj de lasta aplaŭdado, ekstaras S-ro *Llorens*, *la prezidanto*, por *fermi la* Malfermon per belega diskurso. La klara tembro de lia voĉo atingas altajn kulminojn; en orda sinsekvo li donis lecionon pri organizaj metodoj: konsiloj, avertoj, admonoj kaj foje eĉ etaj riproĉoj estis tre lerte interplektitaj en lia oracio, kiel decas al la respondecaj kaj mezuritaj vortoj de plej supera aŭtoritatulo. pledante antaŭ la tribunalo de siaj civitanoj. Bela krono, digna fino, por la solena parto, kiu, kiel ia speciala enkonduko, komenciĝis du horojn antaŭe per la strofoj de «La Espero»....

Jam en ordinara etapo de laborkunsido, estas elektitaj. kiel prezidantoj, S-roj M. Solá, el Tarrasa, kaj E. Prades, el Valencio; kiel sekretario volonte protokolas S-ro E. Hurtado, *helpata de S-ro R. Vizcaíno*. Laŭ la tagordo, S-ro Vicente Santamaría, la bonvola sekretario de la Federacio, legas sian raporton *kun detalaj informoj pri* la ĝenerala agado; laŭ tio, jen kio: «La hispana movado reprenas rapide sian antaŭan altrangan lokon, en la tutmonda esperantismo. La samideanaro konscias, ke grava afero estas konvinki la skeptikulojn pri la seriozeco de nia idealo. Sur tia vojo, ni sufiĉe progresas, ĉar granda parto de la hispana publiko favore parolas pri Esperanto». «Post la reliefa sukceso de nia pasintjara Kongreso en Tarrasa, la movado altiris la atenton de pluraj ĵurnalistoj, kiuj aperigis raportojn kaj artikolojn. Tamen, ni ĉiam estas pretaj por refuti erarajn opiniojn, kiam ili sporade aperas. Eĉ eksterlandaj neesperantistaj gazetoj donis sciigojn pri nia laboro». «Kompare kun pasintjaraj statistikoj, nia membraro kreskis proksimune je 10 procentoj. Se ĉiuj klopodas en tiu direkto, varbante tiujn esperantistojn, kiuj bedaŭrinde kaj tute ne kompreneble ankoraŭ ne aliĝis, venontjare mia raporto en ĉi aspekto estos multe pli kontentiga. Kursoj okazis en ĉiuj gravaj urboj; precipe, plej modele kaj metode aranĝitaj ili estas en la katalunaj centroj. En Madrido, kun tre bone organizata H. E. F. - Sekcio, oni konkeras poziciojn dank' al la tiea diligenta rondo, kiu funkcias *kvazaŭ aroga avangardo* en la grava fronto de la ŝtataj administraciaj institucioj. En Zaragozo pliviglîĝas la aktivularo, ĉar la daŭra restado *tie* de la *senhalta* aktivisto S-ro F. Máñez injektis novajn energiojn. En Bilbao, oni preparas taŭgajn kursojn, kiuj efikos utile por la tuta Nordo». «Pri la sekcioj, nur du agadis ĝis nun: la Kuracista kaj la Katolika; tamen, plej dezirinda estas ankaŭ la starigo de aliaj, kiaj: la Fervojista, Sporta, Filatelia, Ŝakluda, k. t. p. Pri tio, cetere, la membroj mem decidos». Aparta paragrafo liveras klarigojn pri la Libro-Servo, tiel lerte gvidata de S-ro J. Bosch: «Ĉiuj hispanaj samideanoj konas tre funde la malfacilaĵojn por akiri esperantajn librojn, ĉar por aĉeti ilin oni bezonas devizojn, kiujn oni neniel facile trovas. Sed pro interkonsentoj kaj interŝanĝoj kun bonvolemaj eksterlandaj samideanoj, oni povis atenti la mendojn de niaj membroj dum unu jaro, esperante daŭrigi ĉi tiun servon ankoraŭ longe. Kilate esperantajn gazetojn, la Libro-Servo povas peri abonojn, laŭ deziro de niaj membroj, kiuj devas scii, ke ĉi tiu *servo ne estas negoco*, sed *nur servo* je la dispono de ĉiuj legemuloj». Atente aŭskultante la raporton, oni aŭdas: «La Federacio *amike rilatas kun ĉiuj alilandaj organizoj*; ni interŝanĝas nian Bultenon, kiu estas altgrade estimata eksterlande, kontraŭ ĉiu Esperanto-gazeto. Kvankam neniu organizo aŭ gazeto estas ignorataj, daŭras nia aliĝo al U. E. A. pro ĝia signifo, kiel centra neŭtrala asocio. Laŭ pleja eblo, ni helpas la portugalajn amikojn en iliaj obstinaj klopodoj normaligi la movadon propradome. Okaze de novaj elektoj kaj rebalotoj en la Akademio de Esperanto, konsiderante, ke



la hispana lingvo ne estas nun reprezentata en tiu supera instanco, la Estraro proponis du kompetentulojn, kiel kandidatojn; unu el ili: S-ro Juan Régulo Pérez, en La Laguna (Kanariaj Insuloj), kaj la alia: S-ro Manuel Fernández Menéndez, en Montevideo (Urugvajo)». La raporto finiĝas per simpla statistiko laŭ kiu, en unu jaro, la sekretariejo ricevis pli ol 1200 leterojn aŭ poŝtkartojn, kaj oni ekspedis pli ol 1400; ne enkalkulante, kompreneble, la presaĵojn. Ĉe la fino de la legado; ĉar jam horo malfrua, la prezidanto proponis prokrasti la sekvan diskutadon ĝis la dua laborkunsido. Tion oni aprobas, kaj oni reprenas denove la rajton libere babili. Nu, grupoj kaj grupetoj da babilemuloj haltas kaj staras surstrate, antaŭ la domo, sub la balkono kun flago, preparante planojn por la nokta promenado en la foirejo. Multaj preterpaŝantoj, fremdaj al nia afero, scivoleme observis; kelkaj el ili tuj eksciis pri kio temas: «Ho, jes; la Kongreso de Esperanto...» Eta knabeto demandas: «Paĉjo, kio estas Esperanto?» Mi havas okazon ankoraŭ aŭdi komencon de la respondo: «Ĝi estas lingvo, kiun ĉiuj devus lerni. ĉar...» Ĉu ne vere, do, ke ne nur esperantistoj, sed ankaŭ Esperanto mem pompis sur la stratoj?

Trans la rivero, laŭlonge de larĝa aleo, nomata «La Alameda», brilas en la nokto la plenlumaj kristalaj kupoloj de arogantaj pavilonoj, dum la Somera Foiro; ĉar sabato vespere, multe da publiko alestas. Sed, hodiaŭ, en intima kontakto kun tiu amuziĝema publiko, troviĝas la esperantistoj, kiuj, post vespermanĝo, en paŭzo de sia specifa laboro, ŝatas iomete gapi tra la noktaj spektakloj de la urbaj festoj: brua kaj gaja kermeso, muzikaj koncertoj kaj la tipaj valenciaj regionaj dancoj, sur libera scenejo, kie viglaj gedancistoj, kun graciaj riĉkoloraj kostumoj, plektas turnojn, kvazaŭ korteganajn riverencojn, en la danco popola de iamaj kamparanoj, kiuj sin vestis per brilaj silkaĵoj. Fina apoteozo, super ĉio, estas la artefaritaj tondroj de piroteknikaj pafegoj, kiuj eksplodas kaj krevas sendanĝere, por superŝuti la nigran spacon de la nokto per kaskadoj da brulantaj diamantoj. Kun la lasta pafo estingiĝas la sorĉo... kiu povos daŭri en formo de songo, kiam la korpoj ripozos je la daŭra ekzerco de la unua tago, en laboro kaj amuzo, de nia vive pulsanta Kongreso.

Kaj aŭroro de dimanĉo sekvis nokton de sabato. Tra kvietaj stratoj kun fermitaj butikoj, kiel karakteriza aspekto de granda ĉefurbo dum festotaga mateno, la samaj gesamideanoj, kiuj nur antaŭ malmulte da horoj promenis preter la foiraj pavilonoj, marŝas nun tre diligente, survoje al la Katedralo. Jen, do, ĉiuj jam en la sobra kaj tamen impona kapelo de la Sankta Kaliko, kie devas okazi la Kongresa Diservo. Laŭlonge de la gotikaj muroj, pendas la feraj katenoj, kiuj iam fermis la havenon de Marsejlo; ili atestas pri materia potenco, kiu humile iĝis speco de kadro por la altsignifa relikvo, majeste radianta en la altaro. Pastro J. Argaya, frato de la dioceza helpa episkopo, celebras mem la meson, laŭ propra decido, por speciale pligravigi la religian solenaĵon de la esperantistoj. Oni perceptas ion, kio dolĉe envolvas la animon, kiam nia kara samideano, la pastro J. Casanovas, komencas sian predikon per klara kaj milda voĉo. Nia lingvo, la lingvo tutmonde neŭtrala, aŭdiĝis edife en tiu historia kapelo, kie patino el jarcentoj vatis la vortojn, mistike pledantaj por «unu sola ŝafaro kaj unu sola paŝtisto...» Estu certa la respektinda kaj elokventa religia oratoro, ke se publike ne sonis aplaŭdoj, pro sankteco de la loko, ili ja resonis longe, kvankam neaŭdeble, en la fundo de la koroj. Treege bone agordita ĥoro de lertaj kantistoj arte kontribuis al la brilo de la aranĝo, kiu vekis multe da intereso ĉe la eklezia rondoj de la urbo.

Kiam la ceremonio finiĝis, kelkaj urbaj amikoj fariĝis improvizitaj ĉiĉeronoj, klarigante rimarkindajn aŭ historiajn detalojn al tiuj kongresanoj, kiuj faris demandojn aŭ ŝatis informojn pri la tuta konstruaĵo. Sed ne troas tempo por tiaspecaj klarigoj, ĉar pluraj komitatanoj avertas pri tuja kaj nepra alesto, en proksima loko, por la kolektiva fotografado. Tio okazas, post ŝvitigaj klopodoj de fotografisto, sur perono de publika ĝardeno kaj sur ŝtuparo de la arogantaj turoj de «Serranos», mezepoka pordego ĉe rando de la rivero. Post la komunaj oficialaj pozoj, sekvas la privataj; tie



kaj tie, la fotografiloj ne ĉesas pafi, kaptante scenojn kaj grupojn, laŭ tute natura maniero, por arkivi en albumojn la agrablajn bildojn de feliĉa kunvivado, por konstanta rememoro. Tamen, nenion signifas la rememoroj, kiam ankoraŭ validas la realoj; kaj grava, tre grava, realo estos la baldaŭa festeno de la oficiala Bankedo pri kiu la suno, en zenito, jam vokas. Mi ja scias, ke aliaj malpli poezie diros, ke ne la suno, sed la stomako vokis... Efektive, fidele obeante tiun vokon, uzante la eblojn de plej diversaj rimedoj: tramoj, aŭtobusoj, taksioj k. t. p. ĉiuj ekiras, laŭ sama direkto, puŝataj de sama fervoro, renkonte al la maro, por halti ĝuste en bela strando, antaŭ la enirejo de «Benimar», moderna kaj komforta somera restadejo, kies fama restoracio estas la elektita celitaĵo. Pretaj estas la tabloj, kun preta servico kaj disŝutitaj floroj, en vasta salonego, inundata de blindiga lumo, dank' al serio de larĝaj fenestregoj, kiuj, rigardataj de interne, ŝajnas vivaj marpejzaĝoj, kun gracie naĝantaj barketoj. Baldaŭ, la gaja festenantaro nuligas la susurojn de la ondoj, avide ĝuante tamen la salan spicon de la maro. Eĉ en najbara subĉiela teraso, oni starigas tablojn, kiujn prefere okupas gejunulaj trupoj. Laboras buŝoj, ĝojas la palatoj, kvankam ne pro tio silentas la langoj, dum triumfa evoluo de jena:

MENUO

*Almanĝetoj*
*Rizo maristmaniere*
*Rostita lumbaĵo*
*Glacia bukedo da fruktoj*
*Ĉampano «Verda Stelo»*
*Kafo kaj likvoroj*
*Vino: Ruĝa kaj blanka*

La lastaj *etapoj* turnas en alegreton la ĝeneralan harmonion; kvazaŭ pilkoj, saltas de tablo al tablo salutoj, gratuloj kaj bondeziroj. Oni petas adresojn, oni kolektas aŭtografojn, kiuj, ŝtopinte, jam tutan paĝon en la kongreslibro, invadas la ceterajn marĝenojn. En la prezidantejo, la gravuloj interkonsentas kaj decidas pri





la Literatura Festo, kiu poste ĉi tie mem devas okazi. Pro tio, oni rezignas je la tostoj, kaj oni faras la necesajn preparojn por la dirita aranĝo, kiu, post oportuna ripozo, eĉ kun helpo de laŭte kriema mikrofono, komenciĝas. S-ro Herrero diras la enkondukajn vortojn kaj legas la akton, kun la listo de premiitaj verkoj kaj aŭtoroj; oni prezentas elektitajn pecojn kaj fragmentojn, kiujn la publiko premias per aprobaj aklamoj. Sensacia estas la momento, kiam S-ro A. Nunes el Lisbono, gajninto de la unua premio por prozo, persone ricevas la trofeon, kiu estas arĝenta ŝildo —vera juvelo— kun lia nomo. La orkestro ornamis la paŭzojn per belaj muzikaĵoj, al kio estis komplemento la ĉarmaj kanzonoj de S-ino Concepción Hernández, el Callosa de Segura, kaj la bonstilaj ĥoroj de la francaj geamikoj el La Kantema Rondo de Epernay, kiuj kompletigis la feston per sia interveno.

Ĝis la krepusko, oni profitis la liberan tempon sin banante aŭ ludante, sur la marborda sablejo; la junularo, precipe, multe amuziĝis. Intertempe, la *seriozuloj* —al kies korporacio mi apartenas, volenevole— kunvenis en izola angulo de la salono, por interkonsenti pri difinitaj taskoj aŭ studindaj projektoj, inter kiuj estas plej urĝa la eldono de ampleksa Vortaro Hispana-Esperanta; dum preskaŭ du horoj, oni zorge ekzamenis la aferon kaj oni prilaboris planon, faciligante tiel la laboron por la morgaŭa kunsido. Kiam la unuaj steloj komencis ekbrili sur la firmamento, oni ekpensis pri reveno; kaj, denove, aŭtobusoj kaj tramoj realkondukis nin en la urbon je la sorĉa horo, kiam lumantaj anoncoj, sur fasadoj, kulmine grimacis kaj ĵonglis per moviĝemaj literoj, super la densa svarmo de festotaga vespero, en forta kontrasto kun la matena kvieteco. Antaŭ ol disiĝo, kelkaj esprimas deziron enlitiĝi tuj post vespermanĝo; sed aliaj, tute kuraĝe incitas aliajn ne perdi eĉ guton de la enhavo. Fidelaj, do, al tiu devizo, decas viziti ankoraŭ la foirejon por eniĝi refoje, ne en litojn, kompreneble, sed en la fluon de kermeso, kie turnas karuseloj, samtempe ol pompas la dancoj kaj la magio de artofajraĵoj, ĝis alte malfrua nokto...

*La sindonaj organizintoj de la 13ª Hispana Kongreso de Esperanto decide strebis al efektivigo de altnivela kultura programo, kaj ili absolute sukcesis en tiel nobla intenco.*

***Ĉiuj servoj, kiuj sekvis unu la alian, en ideala maniero, vere superis niajn esperojn.***

***La multnombraj eroj de la Kongreso: preta akceptado, tutfrata interkonatiĝa kunveno, honora salutparolado de la urbestro, diservo kaj prediko, vizito al urbaj vidindaĵoj, solena malfermo kaj profitdonaj laborkunsidoj, bone aranĝitaj bankedo kaj literatura festo, ĉarmplena ekskurso, malĝoja adiaŭa vespero, k. t. p. donis al la renkontiĝo nesuperablan valoron kaj treege altan signifon.***

***Ĉio funkciis akurate kaj perfekte, kiel ekzakta dentrado de preciza kronometro.***

***Ho, Valencio, alloga, sunbrila, gaja urbo, kun simpatiaj loĝantoj, kun ravaj pejzaĝoj de nekomparebla ĉarmo. Ci penetris rekte en la koron kaj vere ensorĉis min!***

***Kiam mi disiĝis, tiam mi konvinkiĝis pri la netradukebleco de la portugala vorto* SAUDADE.**

**Adolfo Augusto Nunes** (Lisbono) gajninto de la 1ª premio (Prozo) en la Literatura Konkurso.

Lundo ne estas dimanĉo; sed, por kongresanoj, la tuta daŭro de kongreso estas per si mem ferio kaj festo. Laŭ tio, koni la urbon, kie la soleno okazas, povas esti distro, plezuro, ripozo... Je la deka matene, «granda rondo familia» rendevue atendas, antaŭ la pordo de la Baziliko, ĝis kelkaj malfruiĝintoj venos. Dum la atendado, pluraj kuraĝuloj iris supren de la katedrala kampanilo, la turo familiare nomata Mikaĉjo, emblemo de la urbo, en kies supra planko oni rigardas la panoramon de la domaro, kun ĉirkaŭaĵoj kaj najbaraj vilaĝoj, etendiĝantaj gis la maro kaj proksimaj montoj. Kiam la rondo estas kompleta, manifestacio startas por viziti monumentojn kaj ceterajn vidindaĵojn, sub lerta gvido de kompetentuloj —ĉu estas necese mencii la nomon de S-ro Vizcaíno?— Dum la promenado, scivolemaj okuloj povas observi la viglan surstratan vivon, en ĝia pura esenco, de loko al loko:

Jen la impona palaco de la Generalitato, aŭ antikva parlamento de la regno; jen ankaŭ la fortika araba domego, kie nun troviĝas la kurioza Paleontologia Muzeo, kun ege valoraj kompletaj ekzempleroj de kolosaj sudamerikaj fosilioj; jen granda placo kun fontano; jen tipaj stratetoj kun anguloj, kie la tradicio ŝpinis legendojn; kaj jen, fine, la bela svelta konstruaĵo de «La Lonja», alia mezepoka ŝtona juvelo, eksprese masonita kiel borso por la silkkomercistoj, kiam la silko, en fabela epoko, estis ordinara teksaĵo por la valencianoj... Tie haltas la karavano, ĉar finiĝis la pilgrimo; sed tute apude situas la centra vendejo, belega moderna instalaĵo, kun alta halo, kie legomoj kaj fruktoj estas koncerto de bonaj odoroj, en simfonio de brilaj koloroj; tien oni alkuras, antaŭ ol disiĝi, por aĉeti frandajn maturaĵojn, kiuj certe, ĉe deserto, ne perfidos la famon, kiun tutmonde Valencio gajnis, pri floroj kaj fruktoj. Nu, bonan apetiton al ĉiuj!

Duonhoro antaŭ la kvina, la kongresejo komencas pliviglîĝi; post la siesto oni ne forgesis la lokon, ĉar oni konscias, ke, sen laboro, eĉ amuzoj estus vanaj. Je la ĝusta horo, kiam la salono jam plenplena de tre bonorde sidanta amaso, la kongresprezidanto, S-ro Solá, malfermas la kunvenon por la dua laborkunsido, atentigante, ke vicas unue diskuto pri la ĝenerala raporto de la Sekretario. Nur du aŭ tri petas paroli, kaj nur por diri, ke la politiko de la Estraro estis bona kaj trafa, por la interesoj de la Federacio kaj de la movado. Sekve, post koncerna demando de la prezidanto, unuvoĉe kaj aplaŭde oni aprobas la gvidlinion kaj oni petas alpaŝi al alia punkto de la tagordo, kiu ja estas pli tikla, ĉar temas pri financoj, delikata fako en ĉiu administracio, kie revoj ne multe valoras, se ili ne kuŝas sur la pozitiva grundo de sana ekonomio. Tamen, dank' al ĉies bonvolo, ni venkis la krizon, kiu minace ŝvebis pasintjare. La deficito malaperis, kvankam bedaŭrinde oni ne multe povas esperi pri longa stabiliĝo, ĉar la prezoj ne haltas, kreskigante la elspezojn kaj ankaŭ la zorgojn. La lerta kasisto, S-ro E. Hurtado, prezentas sian raporton, kiu sekve iom kompile tiel atestas:

«ESTIMATAJ FEDERACIANOJ: *Unu jaro pasis; ŝajnas esti hieraŭ, kiam ni kunvenis en Tarrasa, kaj tamen tiuj forpasintaj dek-du monatoj ne portis facilan laboron al la gvidantoj de la Federacio, sed streĉajn zorgojn por ekvilibrigi la elspezojn kun la enspezoj, konservante ĉion, kion ĝis nun ni atingis, penante samtempe iri antaŭen, laŭ pleja eblo en la nunaj cirkonstancoj. Tial, la sinteno de la Estraro situas en maltrankviliga dilemo inter la deziroj ne fari paŝojn malantaŭen, emblemo de la obstino de la esperantista idealo en Hispanio, kaj la bremso ne povi kalkuli kun larĝaj ekonomiaj rimedoj, por pli sukcese efektivigi pli vastajn planojn.*

*La enspezoj de la Federacio estas tre modestaj; tamen, oni decidis ne plialtigi la kotizon por 1952. Jen ofero, kiun la Estraro faris, penante faciligi la aliĝon al la organizo, tiel por la malnovaj samideanoj, kiuj ankoraŭ hezitas aliĝi, kiel por tiuj novaj elementoj, kiuj iom post iom alproksimiĝas al nia orbito. Per tre modestaj rimedoj, do, ni plenumis niajn taskojn sen ia redukto, kompare kun la pasinta jaro; eĉ, kontraŭe, la eldonkvanto de nia Bulteno estas pli nombra, la afranko por eksterlando estas pli alta kaj, fine, por ne submetiĝi al la postuloj de difinita presejo, kaj ĝui pli da movlibero en tiu grava fako, ni akiris por la Federacio necesan kvanton da litertipoj kun la aldono, kompreneble, de tiuj kun cirkumfleksoj, kies iom-post-ioma pago nun okazas por ke ili, kiel eble plej baldaŭ, iĝu definitiva propraĵo de la Federacio.*

*Tia estas la situacio, sed jen sekvas la demandoj: Ĉu ni povos konservi la saman kotizon por la venonta jaro? Ĉu ni devos plialtigi ĝin? Por tiri trafajn konkludojn estas interese aŭdi vian opinion. Plialtiĝo estas armilo kun du tranĉaj flankoj, ĉar se en teorio la rezulto devas esti kresko de la enspezoj, la realo pruvas ofte, ke tio ne okazas pro sentebla reduktiĝo de la membraro. Estas laŭdinda deziro de multaj amikoj plivastigi la agadkampojn de la Federacio, sed la palpebla efektiviĝo de ĉiu ideo aŭ plano ne dependas sole nur de la persona aktiveco de kelkaj fervoruloj, pli aŭ malpli multaj, kiuj dankinde liveras sian kapablon kaj oferas sian tempon, ĉar la sukceso de tia efektiviĝo ankaŭ dependas grandparte de tio, kio nuntempe sin trudas, bedaŭrinde, kvazaŭ demona obsedo: la* MONO! *Tial ke, hodiaŭ, en nia epoko, sub la signo de severa ekonomio, la garantia bazo de sana budĝeto estas necesa premiso por venki eĉ en idealista batalo».*

La debato, kiu sekvis, pruvis, ke la membraro ne estas indiferenta por la temo. Oni proponis kaj sugestis diversajn rimedojn por sekure konservi la akiritajn poziciojn, neniel ignorante la admonojn de la kasisto. Mi mem intervenis en la diskutado por aserti, ke pli senĝene kaj facile estas donaci kelkajn pesetojn, super la kotizon, ol oferi horojn kaj horojn super la laboron. Taŭga solvo estas la kresko de la membraro, por plifortigi la internan ekonomion kaj la eksteran influon; jes, sed ankaŭ treege utila faktoro devas esti la daŭra kaj konstanta alfluo de bankbiletoj —eĉ plej modestaj!— de tiuj volontuloj, kiuj konscias pri la signifo de sia gesto, por stimuli al tiuj aliaj samideanoj, kies situacio permesas ja fari donacon de sumo garnita per tri ciferoj... ĉar tute certe, por vanaj kaj banalaj kapricoj, oni ofte malŝparas pli multe. Ni ne devas fidi je la fremda helpo, sed je la potenco de nia propra volo. La kotizo estu nur enfosita fundamento sur kiu staras la videbla monumento de *efektiva* samideaneco, masonita per faktoj kaj ne per vortoj. Kontribuo al subteno de amataj aferoj neniam estas almozo, sed honoro kaj plezuro; tial, do, oni startu al tiu honoro, al tiu plezuro... sciante, cetere, pri skrupula administrado kaj vigla partopreno, en la starto, de la administrantoj mem. Koincide kun tiaj konsideroj, ĉies sugestoj kaj proponoj fandiĝis en ĝenerala konkludo, kiu, aprobante la raporton, tre forte invitas ĉiujn federacianojn intensigi la varbadon de novaj membroj, kaj nutri samtempe la donacolistojn per senhalta kuraĝo, kiel publika termometro por povi mezuri la gradojn de varmo en la entuziasmo de la hispana esperantistaro.

La akuta rifo de la financoj restis jam for de la vojo. Laŭ alineo en la tagordo, estas la vico nun al informo pri redaktado de la Bulteno; la prezidanto atentigas pri tio kaj pacience komfortigas sin en sia fotelo. Meze de hejmeca atmosfero, kiu baldaŭ



estas anstataŭata de absoluta silento, mi ekstaras kaj tiras el la poŝo skribitan paperon, kun iom ĉifitaj faldoj, ĉar la kutimo postulas legi la raportojn kaj ne ilin improvizi. Obeante tiun regulon, kvankam mi pli ŝatus paroli, jene mi komencas legi:

«KARAJ GEAMIKOJ: Plian fojon, en la areno de nia Kongreso, la redaktoro staras antaŭ vi por submeti al via juĝo sian raporton pri la oficiala organo de la Federacio. Tute sincere mi devas konfesi, jam en la komenco, ke la tipografia aranĝo de nia gazeto estas nun iom malpli bela ol antaŭe. Tio okazas, ĉar la nova presejo, kie oni ĝin prilaboras, ne estas tiel bone ekipata per moderna kompostmaterialo, kiel estis la antaŭa, kies mastro subite postulis al ni preskaŭ duoblan alpagon nur pro tio, kiel li diris, ke la Bulteno *estas tre bela.* Ni devis do serĉi tuj novan laborejon, kiu malpli postuleme kontentigas niajn bezonojn. En la raporto pri financoj jam oni diras, ke la litertipoj uzataj por la ĝenerala kompostado estas akiritaj de nia organizo, sed mankas ankoraŭ adekvata provizo da titolliteroj kaj akcesoraj vinjetoj, por garni kaj plibeligi la eksteran aspekton de nia kara informilo, kiu estas diligenta kuriero kaj eĉ sola ligilo inter ni ĉiuj. La papero, se ne plene bonkvalita, tamen estas pli oportuna, por facila legebleco de la tekstoj, ol iu alia ŝajne pli bona aŭ konvena, kiam ĝi ankoraŭ ne ricevis la premon de la presmaŝino.

Pri la enhavo mi sekvis la kutiman normon, kvankam mi difinis pli precize kaj pli konkrete la mezuron kaj situon de ĉiu fako, de ĉiu rubriko. Ekzemple, en ordinara okpaĝa numero, ĉiu paĝo estas regule okupata de sia koncerna sekcio; kaj eĉ la kromaj kvar paĝoj de la alternaj dekdupaĝaj numeroj ĵaluze *kverelas* inter si, en konkurenco, por prezenti al vi agrablajn legaĵojn, pri literaturo aŭ scienco, kaj meditigajn liberajn opiniojn per la «Laŭtparolilo de la Esperantistaro», tiu nova rubriko, kies tre favora akcepto pruvas ĝian bezonon. Ankoraŭ kelkaj legantoj, tre malmultaj, ne interkonsentas pri la amplekso de la hispanlingva kaj esperantlingva partoj: --preskaŭ ĉio en Esperanto! - preskaŭ ĉio en hispana lingvo!-- Se oni nur iomete studas la aferon, oni tuj komprenos, ke la nuntempa distribuo de la materialo, tra la fluo de la diversaj fakoj de nia gazeto, ne permesas alian aranĝon ol tiun mem, kiu nun ekzistas. Krom la fronta paĝo kaj tiu pri «Facetas», ĉiuj aliaj: Laŭtparolilo, Recenzoj, Spritaĵoj, Tempopasigiloj, k. t. p. nepre devas esti esperantlingvaj, ĉar nacilingve ili perdus sian specifan karakteron. Pure propagandaj nacilingvaj artikoloj utilas pli bone en nacilingvaj ĵurnaloj aŭ revuoj, ĉar ŝablone ripeti kaj ripeti en nia Bulteno la dozon de argumentoj, jam tro konataj, estus teda enuaĵo kaj peza balasto. Tamen, la frontpaĝa artikolo kaj la ĉiunumera stoko da «Facetas» same nepre devas esti en nacia lingvo, pli taŭga por liveri tiun materialon, jam *bakita,* al la dirita direkto, kaj ankaŭ pli oportuna por rekta legado de neesperantista amiko aŭ familiano de esperantisto. La kunlaborado aŭ kontribuado de la legantoj kreskis; oni ricevis pli altan kvanton da artikoloj ol pasintjare, kelkaj el ili tre bonaj. Sed, pluraj verkemaj amikoj ne atentas, ke nia Bulteno estas treege malvasta; tial, bedaŭrinde, longaj tekstoj devas suferi longajn tranĉojn, kio estas sufiĉe malagrabla. Por eviti tion, oni verku kiel eble plej koncize! Malgraŭ evidentaj mankoj kaj menciitaj difektoj, nia gazeto estas plaĉe kaj ĝue legata; mi atentas plej zorge la lingvan flankon, laŭ jena difino: «Simplan stilon, eĉ por malsimpla temo!» Mi ja scias, ke mi ne povas trumpeti pri plena venko en tiel aroga devizo, sed oftaj laŭdoj atestas, ke almenaŭ la direkto estas ĝusta, ĉar, eĉ en tre kompetentaj eksterlandaj rondoj, oni alte taksas la formon kaj la enhavon de nia komuna ido, kiu, en sia kvarjara aĝo, bezonas pli ol iam antaŭe la karesajn zorgojn de ni ĉiuj, kiuj estas ĝiaj mentoroj.

Ĝis nun, kvazaŭ komisiita prokuristo via, mi vartis ĝin; kaj mi zorgis pri ĝi pli akurate ol pri mi mem. Preskaŭ kvar jaroj da senhalta laboro, kaj preskaŭ kvarcent paĝoj kun densa teksto legitimas la bezonon, se ne la rajton, al meritita ripozo en la posteno, kiun, je via nomo, pli aŭ malpli kompetente, sed ĉiam bonvole kaj honeste, mi plenumis. Pasintan jaron, en Tarrasa, mi petis al vi la sigelon de via aŭtoritato por ofici; hodiaŭ, en Valencio, mia naskiĝurbo, mi petas al vi permeson por ripozi; kaj ne privataj nek egoistaj laborevitemaj konsideroj puŝas min pripeti tion, sed pli intimaj konvinkoj: Tro streĉa laborado de unu



sama persono, sur unu sama afero, ĉiam en daŭra deĵoro, kovas la danĝeron ne nur ja elĉerpi la moralajn kaj fizikajn fortojn de tiu persono, sed ankaŭ monotonigi kaj senfreŝigi la tutan aferon. Tiuokaze, plej elementa prudento konsilas fari periodajn anstataŭojn, por eviti la rustiĝon kaj fosiliiĝon de la entrepreno. Por redaktado de gazeto, kiel la nia, estas necesaj tri kondiĉoj, kiuj certe valoras pli ol mono: kelke da tempo, iom da kapablo kaj multe da bonvolo. Oni serĉu kaj trovu, do, tiun samideanon, kiu, anstataŭante min, en oportuna dato, estos preta daŭrigi la taskon kaj levi alten la torĉon, kiun daŭre mi tenis, kun flagranta flamo de pura entuziasmo. Anticipe mi scias, ke, por depreni ŝarĝon, la Kongreso neniel akceptos la facilajn, sed ne akceptindajn solvojn redukti paĝojn aŭ meti distancon el du-tri monatoj, de numero al numero. Tio estus paŝo malantaŭen, tio estus malkuraĝa sinteno, tio estus dolora vundo al nia propra estimo; kaj tion mi ne petas, petante transdoni la direktilon en aliajn manojn, ĝuste nur por impulsi la piŝton ankoraŭ kun pli da energio, ĉar en la hela forumo de nia Kongreso, antaŭ la amikaj rigardoj de tiom multe da ŝatataj eksterlandaj gesamideanoj, ni ne devas fuŝi la arogon nek ŝiri la famon, kiun hispanoj tutmonde posedas, kiel herooj maltimaj en noblaj aspiroj kaj altaj streboj por atingi, per malmultaj rimedoj kaj multa oferemo, plej mirindajn rezultatojn eĉ en la okazo, ke oni nomos nin frenezuloj; jes... frenezuloj, sed frenezuloj, kiuj revas pri sublimaj idealoj, kiel revis tiu genia frenezulo, simbolo de nia obstino, sub figuro de Don-Kiĥoto, giganto en la kulmino de plej grandioza revado, de plej altfluga fantazio, sen limoj sur malmola seka grundo el polvokovritaj vojoj, tra la brunaj kampoj de la Manĉo, kie lin «ne timigis la noktaj fantomoj, nek batoj de l' sorto, nek mokoj de l' homoj...»

*Tiam, la vibroj de la lastaj vortoj perdiĝis en tondro da aplaŭdoj, kiuj daŭris insiste, aprobante la gvidlinion de mia raporto kaj la tutan agadon en la redaktado. Ĉiuj sekvaj parolintoj koincidis en tio, kaj tio estis agrabla rekompenco, kiun mi nun volas danki, ĉar en tiu momento mi ne povis, pro emocio, kvitanci la salutojn de tiom multe da bonaj amikoj, kiuj dediĉis al mia laboro laŭdojn kaj gratulojn. Sen hipokrita vualo de falsa modesteco, mi petas senkulpigojn pro tio, ke mi sidis aŭdante silente, kvazaŭ senafekte, la diversajn sugestojn por faciligi mian laboron, por ebligi la akiron de helpantaj rimedoj kaj por konvinki min daŭri sur la posteno. Speciale kortuŝaj estis la vortoj de S-ro Dario Rodriguez, el Madrido, kiuj estis tre oferemaj, tre sindonemaj...*

Por forigi dubojn, mi devis paroli asertante, ke neniel mi intencas dizerti aŭ subite forlasi la taskon, sed nur kiam alia kompetentulo povos ĝin prizorgi; tamen, refoje mi atentigas, ke estas konvene kaj prudente ne trouzi la fortojn de unu sama persono. Intertempe, se la financoj estas efike nutrataj per la ekonomiaj apogoj de tiuj samideanoj, kiuj pri tio povas, oni multon atingos por mildigi la teknikajn zorgojn, kiujn la presado de nia gazeto postulas nun de mi. Se iam kompleta kompostmaterialo fariĝas posedaĵo nia, fakte ni estos mastroj de kvazaŭa presejo, kie unu sola kompostisto, ekskluzive laborante por ni, multe da penoj evitos al la redaktoro. La aĉeto de la litertipoj jam estas bona komenco! Dezirinde estas, do, ebenigi la vojon al la estonta redaktoro el kiu ajn loko, kie troviĝas esperantista rondo; ĉar la Estraro jam komencis studi la konvenecon translokigi oportuntempe la sidejon de la Federacio al alia urbo, sub la zorgo de aliaj cerboj kaj aliaj manoj. Kompreneble, la redakcio troviĝos tie mem, kie la centro de nia organizo; tial oni konsciu kaj eksciu jam pri tio, ke ne por eterne la valencianoj estos la estroj...

Por ĉi tiu demando, kompreneble, ne eblas rapida senpripensa solvo. Tial, ke jam aklame aprobita la fina raporto, oni alpaŝas al elekto de venontjara kongresurbo. Unue okazas diskutadeto pri la konveneco de ĉiujara aŭ ĉiudujara kongreso; ĉi tiu diskuto ankaŭ floris pasintjare, sed ankaŭ same oni decidas plimulte la ĉiujarecon; laŭ tio, oni devas elekti jam nun la urbon por la venonta jaro. Konsciante pri la bezono plivigligi la movadon en la nordaj regionoj, kie iam ĝi estis forta, oni



proponas rendevui en Bilbao; sciante, ke tie la somero estas tre milda, la propono renkontas favoran akcepton. Je nomo de la ĉeestantaj bilbaanoj S-ro Calahorra aceptas provizore la sugeston, ĝis definitive ĝin akceptos la tiea grupo; li dankas la inviton kaj promesas, kune kun la ceteraj samurbaj ĉeestantoj, konvinki la aliajn kaj aranĝi kontentige la venontjaran feston de la hispana esperantismo. Oni plaĉe aŭskultas tiujn kuraĝajn dezirojn, kaj oni lasas al la juĝo de' la Estraro la lastan decidon. (Estu parenteze dirite, ke, en la momento verki ĉi tiun kronikon, la grupo de Bilbao entuziasme akceptis, kaj ĝi jam komencis tiurilate labori). Kun omaĝa aplaŭdo por la kongresanoj venintaj de malproksime, kiel tiuj de Asturio, oni fermas la debaton.

Unue, S-ro R. Herrero, kaj tuj poste S-ro L. Mimó, el Sabadell, parolas pri la ega neceso de kompleta Vortaro Hispana-Esperanta; antaŭ la fakto, ke S-ro E. Tudela havas manuskripton preskaŭ preta, la grupo de Sabadell, kun la helpo de aliaj katalunaj rondoj, prenas sur sin la teknikan taskon ĝin eldoni, esperante ricevi la ekonomian subtenon de ĉiuj hispanaj kolegoj, kiuj, laŭ eblo, devas anonci nun la monan kontribuon, kiun jam efektive ili pagos nur en la momento, kiam la nomita respondeca komitato ĝin bezonos por la fakta eldonado. S-ro Mimó atentigas, ke postfermo de la kunveno, ĉiu volontulo povos skribi sian nomon kaj libervolan kvanton sur diversaj listoj, kiuj estos la fundamento de plej masiva monumento: tiu de perfekta instruado, por perfekta posedo de nia lingvo.

En etapo de ĝeneralaj demandoj, intervenis pluraj kongresanoj kun sugestoj kaj rimarkoj; oni aŭskultis tre simpatie la konsilojn de S-ro F. Soler, instruinto de instruantoj, kaj la admonojn de S-ro Figuerola, blindulo, pledante por rekta interveno de blinduloj en la movado. S-ro Perles Sifre, instruisto, legis interesajn notojn pri sia fako, kiuj meritas studon. S-ro J. Guzmán resumas ĉi tiun parton de la kunsido kaj proponas, kiel konkludojn, peti al la Reĝa Akademio de la Hispana Lingvo klaran difinon pri la vorto ESPERANTO en ĝia oficiala Vortaro, kaj redakti informon por la ministerio de Nacia Edukado, petante la enkondukon de Esperanto en la programon de la meza instruado. Aklame oni aprobas tiajn petojn, kiel oficialajn konkludojn, kaj ĝojbrue oni aplaŭdas la bele ĉizitajn vortojn de S-ro M. Solá, la talenta kongresprezidanto, por fermi per arta broĉo tiel fekundan laborkunsidon, kio fakte signifas fermi jam la Kongreson. La orkestro konfirmas la aserton, solene ludante la himnojn; kaj la gorĝoj, kiuj antaŭe raŭkiĝis pro utilaj paroloj, ĥoras nun decideme la versojn de «La Espero» atestante unu fojon pli, ke «nia diligenta kolegaro en laboro paca ne laciĝos»... Ĝuste tiam, kun la eĥo de la fina strofo, estingiĝas la lumo, pro averio en la kurento; la foriro okazas helpe de alumetoj, kio estigas kurioze bildojn de fantasmagorio en la vestiblo, kie, kvazaŭ tute normale --ho, mirakloj de la obstino!-- apud tablo kun kandeloj, deĵorantoj rememorigas la elirintojn, ke tie troviĝas la listoj por subskriboj kaj ciferoj, cele al la eldono de la ĵus pridiskutita Vortaro; kaj tie, ĉe mizera lumeto de kandeloj, densaj vicoj de nomoj kaj adresoj donas pozitivan garantion al la brava entrepreno. Kiam la elektra lumo fanfarone revenas, ĝi taŭgas nur por fari pli komforte la adiciojn... ĉar la amaso jam paŝas aŭ haltas sur la strato, preparante --ankoraŭfoje!-- rendevuojn kaj planojn por pli poste. Subtila persista pluveto invitas al subtegmentaj amuzoj; tial kafejoj kaj kabaredoj estis bona rifuĝejo por tiuj noktemuloj, kiuj ne sekvis la ekzemplon de aliaj malpli *diboĉemaj,* frue enlitiĝintaj por uzi morgaŭ plej vigle siajn energiojn, en la tuttaga ekskurso.

Efektive, ĉarma vetero pompas en la sekvanta mateno, kiam fajfantaj aŭtobusoj, en gaja karavano, glitas sur asfalto de larĝa ŝoseo, tra senfina ebenejo el verdaj rizkampoj, fenditaj de multaj kanaloj apud kiuj situas, kvazaŭ kaŭrantaj kolomboj --kiel diris poeto-- la blankaj dometoj de la kamparanoj. Jam proksime de la maro, la ŝoseo eniĝas en parkon, kiu estas natura disigilo inter la sala akvo de la maro kaj la dolĉa fluidaĵo de la granda lago Albufera. Tie mem, tute ĉe la rando de tiu likva kristalo, sur kiu sin reflektas flugantaj anasoj kaj fulikoj, haltas la ekskursantoj



por matenmanĝi. Sub bonodoraj pinoj, sur pufa mato el herbeto, oni sidas kaj manĝetas, enspirante liberan aeron kun susuroj el ondoj kaj folioj. Promeneto per barko, tra la lago, estas naiva plezuro, kiun multaj kongresanoj ĝuas; ne ja nur gejunuloj, sed la pastro Casanova mem estas unu el tiuj kuraĝaj *navigantoj.* Fajfiloj vokas, oni realgrupiĝas kaj ĉiu okupas denove lokon en sia aŭtobusa porcio, por iri returneń renkonte al la maro, ĉe la bela plaĝo Saler, kie oni fine haltas por kampadi, ĝis la suno lumos. Profitante la efikon de ĝiaj radioj, la korpoj bruniĝis rajdante petole sur la efemera selo de la ondoj; oni daŭre kaj senlace ludis, kuris kaj saltis sur la glata sablejo; kaj oni ankaŭ, en pli kvietaj grupoj, babilis kaj trinkis limonadon, ĉirkaŭ tabletoj sub ombraĵo. Jes, por multaj la ripozo estis *aktiva,* ĉar projektoj kaj sujestoj eĉ tie sin trudis. En granda harmonio, ĉiuj tagmanĝis interŝanĝante donace frandaĵojn kaj fruktojn. La posttagmezo aspektis malpli bruema, ĉar la ripozo estis pli efektiva, kiam, koincide kun la sunsubiro, fajfiloj ree vokis por reveno en la urbon, kiu, akceptante nin, iomete tro malice ŝajnis averti, per la grimacoj de siaj lumantaj anoncoj, ke jam elĉerpiĝas la programo...

Kaj, por adekvate respondi tiun averton, la lasta ero estas ekstreme dorlotata; jen ankoraŭ, en la familiara salono de la Akceptejo, resonas bruo de konversacioj en fluo de la adiaŭa kunveno; oni konscias melankolie pri baldaŭa disiĝo, sed tiu konscio instigas ja ligi pli forte la sentojn kaj premi pli forte la manojn, tiujn manojn, kiuj post ne multe troviĝos malproksime de la niaj. Estis saĝa decido de la organizintoj ne ŝarĝi la festeton per fiksaj formalaĵoj; ĉu ne grave ja simple vivigi la lingvon en intima senĝeneco, ĉe la kajo de l' foriro, se tio ankaŭ estas sola celo eĉ en plej solena aranĝo? Jes, vivigi la lingvon inter ni, por gajni respekton kaj estimon al ĝi, inter la ekstera publiko kaj la oficialaj instancoj, estas per si mem sukceso en la konkuro, kies supera diplomo —ĝuste en tiu momento— venis en formo de telegramo de Lia Ekscelenco, la Estro de la Ŝtato, generalo Franco, afable salutante la kongresanojn. Daŭris plaĉe la vespero; kaj en la sorĉa horo de la noktomezo, kiam sonorado de ĉiuj turhorloĝoj de la urbo, en ruliĝanta koncerto, vibrigis la eteron, mi devis fari la adiaŭan saluton, je nomo de la urba esperantistaro, rememorigante, ke fino estas nepra sekvo de komenco; sed, en la nuna okazo, eĉ kvankam plene feliĉa fino, tiel funde ni interamikiĝis kaj alkutimiĝis al kunesto, ke malĝoje estas diri adiaŭajn vortojn: «Reiru, do, vi ĉiuj al viaj hejmoj kun ravantaj animoj kaj harditaj obstinoj, kiel ordenitaj kavaliroj, kiuj ĉerpas plezuron el la oferoj. Estu kurieroj de niaj salutoj al ĉiuj viaj samurbanoj, kiuj ne povis veni; kaj sciu, ke la aromo de via simpatio, kiel atesto de via vizito, iĝos koncentrigita esenco en la suko de la oranĝoj. Tion asertas valenciano per tremantaj lipoj, pro emocio en la komisio diri la lastajn vortojn de la 13ª Hispana Kongreso de Esperanto, kiu ĵus finiĝas...»

Tial, ankoraŭ kun varmo kaj pasio en la medio, iom pli poste; ankaŭ per tremantaj fingroj, mi dekroĉis de la jako la kongresinsignon, karese gardante ĝin, kiel memoraĵon, sed vidante jam en la imago tiun alian, kiun venontjare same fiere mi surportos, kun alegorio de la urbo Bilbao...

◆ ● ◆

Plimulto da kongresanoj, tuj post la fiksita dato, foriris hejmen al siaj kutimaj okupoj en siaj koncernaj urboj, sed rimarkinda nombro restis ankoraŭ, precipe por admiri la paradon de la fama Florbatalo, kiu okazis du tagojn poste. En unu el la tribunoj, ĉe la foirejo, sidis niaj geamikoj, kiuj ege multe ĝojis, pro la arta spektaklo, kaj mem partoprenis en la batalo, kuraĝe pafĵetante florojn, kiel solan municion, kontraŭ la knabinoj, kiuj, fantazie vestitaj, tronis sur imponaj kaj belaj kaleŝoj aŭ ĉaroj, transformitaj en veturantaj ĝardenoj.

En sia floranta apoteozo, tiu ĉarme unika festo estis la lasta omaĝo de Valencio al la esperantistoj, modernaj herooj, kiuj venintaj pilgrime por kongresi, interne de ĝiaj muroj kaj meze de ĝiaj amuzoj, baldaŭ persone konstatis, ke ne vane la duobla LO de ĝia blazono signifas, ke ĝi estas urbo du fojojn lojala.

**LUIS HERNANDEZ**



## LA 37ª UNIVERSALA KONGRESO BRILIS APUD LA FJORDOJ DE OSLO

Sub la alta patronado de la princo Olav, pli ol 1600 gesamideanoj el 35 landoj, inter ili Aŭstralio, Argentinio, Brazilio, Indonezio, Japanio kaj Izraelo, kunvenis en la ĉarma norvega ĉefurbo, de la 2ª ĝis la 9ª de Aŭgusto, por montri publike al la mondo, ke nur la Esperanto-Kongresoj estas vere internaciaj kaj efektive universalaj. La Solena Malfermo okazis en la eleganta kinejo «Colosseum» kie ĉeestis kaj salutis la ministro de Edukado kaj la urbestro de Oslo, kiu faris sian saluton en Esperanto; la prezidanto S-ro Malmgren, per trankvilaj sed varmaj vortoj inaŭguris la solenaĵon: «Esperanto estas ponto, konstruita por ke la homoj povu facile marŝi de lando al lando. En tiu konstrua laboro partoprenas esperantistoj el 83 landoj». En ĉiuj ceteraj aranĝoj regis vigleco kaj intereso; precipe en la prelegoj de la Somera Universitato, kio sendube pravigis la epiteton *Lumturo de la Kulturo,* kiun la Kongreso meritis, ne nur pro la kulturaj aranĝoj, sed ankaŭ pro tio, ke la publiko montris sin ekstreme kultursoifa. Kompreneble, ankaŭ ne mankis Distra kaj Arta Vesperoj, inter la pozitiva laboro de la kunvenoj. En la Ferma Kunsido. oni akceptis jenan

### REZOLUCION

*«La 37ª Universala Kongreso de Esperanto, en Oslo, apelacias al la oficialaj instancoj, naciaj kaj internaciaj, serioze kaj sen teoria antaŭjuĝo studi la praktikan solvon de la problemo pri Lingvo Internacia, kiun prezentas la lingvo Esperanto. Ĝi asertas, ke Esperanto, kiu pro siaj simplaj gramatiko kaj konstruo, estas facile lernebla, bone taŭgas por ĉiaj lingvaj bezonoj de la internacia vivo. Tiun nian aserton ni submetas al ĝenerala esplorado. Nur per observado pri la funkcio de Esperanto, en kongresoj kaj konferencoj, kaj ankaŭ per scienca esploro de la aperinta literaturo, la problemo povas esti prijuĝata.*

*Universala Kongreso de Esperanto komisias al la Universala Esperanto-Asocio ĉiel akceli la studojn pri la funkcio de Esperanto, invitante objektivajn observantojn al ĉiuj estontaj kongresoj kaj konferencoj».*

Dimanĉon matene okazis la katolika meso en la preĝejo de Sankta Olav, sub la gvido de Pastro Thalmaier kaj kun bondeziraj vortoj de la episkopo en Oslo, D-ro Jacobus Mangers. Venontjare, la 38ª Universala Kongreso okazos en Zagreb, la interesplena kroata ĉefurbo

## EN DÜSSELDORF OKAZIS LA JUBILEA 25ᴬ KONGRESO DE S. A. T.

Aliĝis 760 membroj el 16 landoj, sed fakte partoprenis 622 el 11 landoj. Kiel kongresejo funkciis la impona konstruaĵo «Rheinhalle». En la Solena Malfermo, estis tre simpatia la mallonga sed trafa saluto de la urbestro de Düsseldorf, S-ro Gockeln, kiu diris: «La homaro de nia jarcento devis fari multajn oferojn por ekkoni, ke ekzistas pli multe da tio, kio unuigas, ol da tio, kio disigas». Ankaŭ en la kadro de la kongreso, okazis ses ĉefaj prelegoj, kiuj impresis kiel alta kultura manifestacio de ĉi tiu kongreso, kiu intense uzis la tempon, en seriozaj diskutoj kaj en amikaj babiloj. 30 infanoj, idoj de gekongresanoj el pluraj landoj, daŭre kunvenis; kaj, de la unua momento, ili tutkamaradece kontaktis unu kun la alia. Laŭ koncerna decido, venontan jaron la kongreso okazos en la angla norda urbo Sheffield.

## ANEKDOTO

Profesoro G. J. Ramstedt, Honora Membro de Finnlanda Akademio, elstara samideano, mortinta antaŭ du jaroj, oficis kiel vicambasadoro de sia lando en Tokio, dum la jaro 1920. Okaze de akcepto ĉe la Mikado, la japana imperiestro demandis lin, kie li pasigis la vintron. Ramstedt respondis, ke li ĵus faris studvojaĝon kaj prelegis pri Finnlando en Kanazaŭa:

—En kia lingvo vi parolis? Ĉu angle?

—Ne, Majesto, mi parolis en Esperanto.

Tute simple respondis nia samideano.

Jen ekzemplo de digna esperantisteco!

## SFINKSA ANGULETO

### PSIKOLOGIA STUDO

**Simpla frazo povas difini aĝon de persono. Ni prezentas ĉi-sube ekzemplon de ekdiroj pri la Mono. Temas pri kvar personoj kun aĝo de 18, 30, 45 kaj 65 jaroj. Al kia aĝo apartenas la aŭtoro de ĉiu el la sekvantaj frazoj?**

1 — Por kio taŭgas la mono?
2 — Mi ŝajnos multe da mono!
3 — Nur iomete pli da mono...
4 — Neniam estas sufiĉe da mono!

**Oni akceptos solvojn, kun rajto al premio ĝis 25. Oktobro**

SOLVO DE LA **KVARTETO DA LITEROJ**

**KO LO FO NO**

FOKO - FONO - KOLO - KOKO - LOKO
KONO - LOLO - KOKONO - KOLONO

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● FRANCIA.—«Syndicat d'Iniciatives de Mulhouse» ha publicado un folleto con vistas de esta bonita ciudad alsaciana, al que acompaña unas explicaciones en Esperanto.

● ITALIA.—Se están llevando a cabo cursos de Esperanto en la Universidad Laboral de Roma, bajo la experta dirección de los señores Luigi Minnaja y Ermanno Filippi.

● AUSTRIA. — La Administración de los Ferrocarriles del Estado ha autorizado oficialmente que, en las estaciones de las localidades donde existan esperantistas, puedan ser fijados avisos con tal indicación, para orientación de los viajeros interesados.

«Die Weltliteratur», de Viena, publica un detallado artículo sobre la extensa y rica literatura editada hasta ahora en Esperanto, con un total de muchos miles de títulos.

● ALEMANIA. — Sobre la ciudad de Bingen, en el Rin, se ha editado un folleto turístico en Esperanto por «Stadtisches Verkehrsamt», de Bingen am Rhein (Alemania), cuya oficina lo remite gratuitamente a quien lo solicite. También sobre Hamburgo, el importante puerto alemán, ha sido editado un bello folleto, con muchas y admirables fotografías, por «Fremdenverkehrsverein der Hansestadt Hamburg e. V.», en la calle Glockengiesserwall, 25/26 (24 a) HAMBURG 1 (Alemania), donde puede solicitarse.

En el próximo número del Boletín se recibirá gratuitamente el interesante folleto «Vizitu Germanion» (Visitad Alemania), editado por la oficina «Deutsche Bundesbahn».

● BELGICA. — La Oficina de Propaganda y Turismo de Amberes («Dienst voor Propaganda en Toerisme» - Pelikaanshaut, 6 - ANTWERPEN) ha editado un magnífico folleto sobre la gran ciudad flamenca, patria de Rubens, que tantas bellezas atesora.

● INGLATERRA.—«Linguist Club» organizó una conferencia sobre la necesidad de un idioma auxiliar internacional, a cargo del Sr. A. T. Pilley, intérprete de la O. N. U., quien manifestó que el Esperanto es un idioma real y vivo, con el que se expresan todos los sentimientos y cualquier concepto del pensamiento, por sútil o profundo que sea.

● GUATEMALA, — Ha empezado a publicarse «Mezamerika Revuo», órgano de los esperantistas de América Central, con apoyo del Ministerio de Educación de Guatemala para la Asociación Esperantista que lo edita (Calle 15, n.° 3-71, GUATEMALA-Cd.)

● ESTADOS UNIDOS.—El Servicio Hidrográfico de la Marina, en sus «bottle paper», o sea, los avisos introducidos en las botellas que se arrojan al Océano, para comprobar las corrientes marinas, emplea el Esperanto entre los ocho idiomas usados con tal fin.

● JAPON.—«Nihon-hi», libro clásico de historia del país nipón, ha sido cuidadosamente traducido al Esperanto, con lo que se facilita su lectura y estudio para todo el mundo.

Para los días 21 al 23 de Septiembre, está anunciado el 39 Congreso de los esperantistas japoneses, en Kioto, la antigua capital del Japón. Se espera una gran concurrencia, con asistencia también de varios esperantistas norteamericanos, que se encuentran allí.

## EL CAMPAMENTO ESPERANTISTA

En los jardines de la Cruz Roja Española de Valencia, situados en la calle de Alboraya, con motivo del XIII Congreso Español de Esperanto, y durante los días de su celebración, quedó instalada la ya tradicional TENDARO, en la que acamparon samideanos españoles y extranjeros. El Coronel de dicha institución, señor D. Olegario de la Calleja, puso a la disposición de los esperantistas allí alojados, además de los magníficos jardines donde se montaron las tiendas, el gimnasio, con todos sus elementos, los servicios higiénicos y sanitarios, así como el número necesario de camas y colchonetas de campaña. Después de haber finalizado las tareas del Congreso, se prolongó la permanencia del Campamento hasta la terminación de la Feria de Julio, para que pudieran presenciar los acampados el final de los festejos

**Como el Esperanto no pertenece propiamente a ningún país, no puede ser llamado idioma extranjero**

# INFORMO DE RADIO ROMA

*Ekde venonta oktobro, la detala programo en Esperanto, estos anstataŭata de la presita ĝenerala programo, enhavanta ĉiujn dissendojn de Radio Roma, en diversaj lingvoj.*

*Al la esperantista publiko ĝentile ni anoncas, ke la dissendoj en Esperanto okazos, kiel kutime, ĉiumerkrede kaj ĉiuvendrede de 19 h. ĝis 19,20 h. per jenaj mallongondaj stacioj:*

*Metroj 25,21 = kc-s. 11,90*
*Metroj 31,35 = kc-s. 9,57*
*Metroj 49,92 = kc-s. 6,01*

*La temoj restos interesaj, la prelegoj altnivelaj, la dissendoj aŭskultindaj.*

**RADIO ROMA** - Via V. Veneto, 56 - ROMA (Italio)

D-ro R. HERRERO dankas tre kore al ĉiuj komitatanoj de U. E. A. pro la ĝentila salutkarto de la Kongreso en Oslo.

# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a Agosto-Septbre. 1952)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 2.920 | Ptas. |
| Pedro Naranjo - Jerez | 5 | » |
| Francisco Pinedo - Madrid | 25 | » |
| Rafael Gisbert - Barcelona | 150 | » |
| José M.ª Bernabeu - Callosa Segura | 100 | » |
| Gesinjoroj Yelland - Aspremont | 50 | » |
| Salvador Gumá - Reus | 10 | » |
| Rafael Vizcaíno - Valencia | 100 | » |
| Ernesto Pérez - Valencia | 50 | » |
| René Zollinger - La Chaux-de-Fonds | 500 | » |
| J. Herp. - Barcelona | 6'50 | » |
| Tomás Apraiz - Bilbao | 30 | » |
| Ramón Bach - Manresa | 15 | » |
| Francisco Marco - Valencia | 20 | » |
| Isauro Alvarez - Madrid | 100 | » |
| Esperanto-Grupo - Sabadell | 20 | » |
| Eusebio Maynar - Zaragoza | 100 | » |
| Antonio Marco - Zaragoza | 7'50 | » |
| Pepita Criach - Sabadell | 10 | » |
| Vicente Benet - Alboraya | 10 | » |
| Luis Ballesteros - Buenos Aires | 10 | » |
| Total | 4.239 | » |

*El presente número del Boletín es el reflejo de lo que esta lista representa. ¡Ese es el camino!*

**Eldonkvanto de ĉi tiu numero: 1.100 ekzempleroj**

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

Mi deziras aĉeti «Vocabulario Español-Esperanto» de V. Inglada Ors. Proponojn al S-ro J. Herp, Codols, 16 — Barcelona

**ATENTU!**

Okazis ŝanĝo en la KORESPONDA SERVO. Kiu deziras korespondi kun la tuta mondo, de nun skribu al Adonis G. Meana, Ciaño Santa Ana (Asturias), indikante aĝon, profesion, emojn, dezirojn. Bonvolu aldoni 2 pesetojn aŭ egalvalorajn poŝtmarkojn.

Du knabinoj 16-jaraj deziras korespondi kun hispaninoj, prefere samaĝaj. Jen iliaj adresoj: Nicole Paturange, Rue Lamartine, Pithiviers, Loiret (Francio)
Colette Perichou, College de jeunes Filles Pithiviers, Loiret (Francio).

S-no Hans Wanjura, (23) Harpenfeld, Post Bad Essen (Germanio) deziras korespondi kun hispanaj gesamideanoj.

22-jara blonda fraŭlino, nova esperantistino, tre multe ŝatos korespondi kun nigreokula temperamenta hispano 22/30-aĝa.
ERNA LAUTERSLAGER
van Alphenplein, 3 Utrecht (Nederlando)



Imp. PERIS - Gran Via Marqués Turia, 28 - Valencia




Samideano J. Ezquerra, estro de la Nacia Blindula Organizo, estis aktiva kongresano.



S-ino D. Lencer, delegitino de U. E. A. en Buffalo (Usono) dum unu momento de sia interveno.

De maldekstre: S-roj Vizcaíno, Yelland, Ezquerra kaj pastro Casanova inter gesinjoroj Herrero.



La meso en la Kapelo de la Sankta Kaliko



Pastro Casanova en la predikejo.